Jaro 20-a majo/julio 1968 N-ro 3/4



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

**Sekretariino: E. Kruse, 6 Frankfurt (M) 70, Schweizerstr. 104, Germanujo**
**Redaktoro: P. J. Krogstie, Box 61, N 2340 Löten, Norvegio**

## La nova IFEF-estraro



JOACHIM GIESSNER
*prezidanto*



ELFRIEDE KRUSE
*sekretariino*



GVOZDEN SREDIĆ
*vicprezidanto*



OTTO WALDER
*kasisto*



PER JOHAN KROGSTIE
*redaktoro*

# Impresoj de la 20a Kongreso de IFEF Varna 1968

Eŭropo, nia kontinento, vere estas kontrastplena.
Tion ni norvegaj amikoj survoje al Bulgarujo spertis kiam ni frumatene la 8an de majo envagoniĝis al nia vojaĝcelo, Varna.
En la norvegaj valoj oni dum nia ekvojaĝo ankoraŭ skiis, neniu verda herbo aŭ betulfolio estis videbla, sed ek de la Oslo-fjordregiono ni renkontiĝis kun la printempo, kaj ju pli longe suden la trajno veturis, des pli verdvestita fariĝis la naturo.
Tiamaniere ni veturis renkonte al la somero kaj sukcesis plilongigi ĝin.
Kune kun amikoj vojaĝo neniam estas longdaŭra kaj teda. Kun svedaj geamikoj, ni vespermanĝis en Kopenhago, antaŭ ol ni daŭrigis la vojaĝon suden al la gaja sudgermana urbo München.
Nun ni aliĝis al pli granda vojaĝgrupo de multaj landoj, kaj sekve ni ne pli longe povis babili nacilingve.
La vojaĝo de München okazis en speciala kuŝvagono, sub gvidado de niaj eminentaj gvidantoj, Fritz Laŭtenbach kaj la ĉarma kuŝvagonkonduktoro Hans Bezold.
Ili ambaŭ vere kreis la restadon en la „Esperantovagono" al vera festvojaĝo.
La vagono alkupliĝis la „Istanbulekspreson", kaj ni veturis suden tra Aŭstrujo kaj Jugoslavio, trans la limo al Bulgarujo inter la stacioj Dimitrovgrad kaj Dragoman.
Nia „Esperantovagono" estis la lasta vagono, kaj por veni al la restoracivagono — najbarvagono al la lokomotivo, ni devis trairi la tutan trajnon.
Estis tre interese studi la vivon inter la homoj.
Tio estas „Eŭropo en nuksoŝelo", nia kontinento kolektita en unu trajnon, survoje antaŭen en la estontecon.
Ĉiuj homtipoj kaj rasoj, kaj ĉiuj nacioj estas reprezentitaj.
Kelkaj nur trankvile trarigadis la kupefenestron, aliaj legis libron aŭ gazeton, aŭ ili dormis en la kupeangulo.
En aliaj kupeoj ili diskutis, jes kelkaj eĉ kverelis kaj batalis unu la alian.
Kelkloke estis ciganoj.
Iliaj duonnudaj infanetoj ludis en la vagonkoridoro, dum la gepatroj aŭguris unu la alian, aŭ interŝanĝis horloĝojn.
Diferenca aspekto de kupeo al kupeo, de vagono al vagono.
Kelkaj manĝis, — pli aŭ malpli abunde, — kun aŭ sen vino, kelkaj nur havis sekan panon.
Ĉie ŝvebis ĉiuspecaj lingvoj kaj dialektoj, kaj tra la vagonoj marŝis la konduktoroj, nur sciante la hejmlandan lingvon, sen ebleco kompreni aliajn vojaĝantojn ol tiuj de la propra hejmlando.
Veninte en la restoracivagono, ni povis mendi luksajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, — jes, abunde ni manĝis....
Sed kiom longe ni rajtas tiel abunde manĝi kaj trinki, dum al niaj kunvojaĝantoj en la kupeoj eble mankas la plej necesa por nutri sin?
Kaj kiom longe povas daŭri, ke la vojaĝantaro en la trajno „Eŭropo" ne komprenu unu la alian, pro manko de komuna lingvo?
Kiom longe ili serĉu en la nebulo?
Vere, — ni esperantistoj en la lasta vagono havas avantaĝon, ni povas doni klaran alternativon al la lingva ĥaoso!
Matene la 11an de majo, la trajno alvenis Varna.
En la bele ornamita stacihalo, plena je Esperantosimboloj, atendis nin gajaj samideanoj, kiuj premis niajn manojn kaj gvidis nin en la akceptejon.
Kaj ŝarĝitaj de kongresdokumentoj kaj informoj, ni aŭtobusis la 17 km longa vojo al Zlatni Pjasaci — „Ora Sablo".
Ni devas konstati, ke tie la bulgaroj kreis surteran paradizon, ideala por ripozo kaj ferio, kaj ankaŭ por kongreso.
Post Interkona Vespero en hotelo Erma, ni dimanĉmatene aŭtobusis reen al Varna, kie la solena kongresinaŭguro okazis en la Popolteatro.
Komence miksita ĥoro kantis la nacian himnon de Bulgarujo, kaj „La Espero", kaj la prezidanto de LKK, Georgi Dolapĉiev, deklaris la 20an Kongreson de IFEF malfermita.
Parolis la prezidanto de IFEF, de Jong, kaj sekvis salutparoladoj. Speciale menciindaj estas tiuj de la ministro de la transporto, Marin Vaĉkov, — de la urbo Varna, de Atanas Nikolov, kaj de la Bulgara Esperantista Asocio, de Nikola Aleksiev.
Kiel freŝa vento, venis grupo da junpioniroj kun roz-bukedoj sur la scenejon. Ilia gvidanto haltis antaŭ la estraranoj kaj komitatanoj, kaj en tute senerara, klara Esperanto li salutis la kongreson. Subite, laŭ lia signalo, la jun-pioniroj




*Parolas la ministro de transporto K-do Marin Vaĉkov*

kuris al la estraranoj kaj komitatanoj, kaj donis al ĉiu el ili la belajn rozbukedojn.
Tio estis honorsaluto al la kongreso de la bulgara junularo.
Fine okazis salutparoladoj de la landaj reprezentantoj.
Kun ĝojo ni rimarkis ke salutparolis ankaŭ reprezentantoj el Orient-Germanujo kaj Rumanujo, kaj ni nur devas esperi, ke ili ek de nun ankaŭ poste apartenu al la IFEF-movado.
Pri la solena kongres-inaŭguro ni povas konkludi, ke ĝi estas solida manifestacio pri la bona amikeco kiu preferinde regu inter fervojistoj.
Posttagmeze estis bankedo en restoracio „Kasino", kaj sekvis ŝipekskursoj sur la Varna-golfo.
Lunde la 13an de majo la laborkunsidoj komenciĝis.
Unue okazis la kunsido de la Fakprelega komisiono, kaj ĉar fakprelegoj nun menciiĝas, mi emas jam nun informi, ke okazis du, — la unua estis pri elektra kaj dizela trakcio en la Bulgaraj Ŝtataj Fervojoj, kaj la dua pri konstruado de varvagonoj en Bulgarujo.
Ambaŭ prelegoj estis bonege ilustritaj per lumbildoj, kaj aŭskultis ilin ĉirkaŭ 80 personoj.
Sub gvidado de Gernot Ritterspach okazis la Termina Kunveno. Konata por ĉiu IFEF-ano estas lia verkaĵo, la terminareto: Germana-Esperanto, Esperanto-Germana, kun proksimume 2000 terminoj elektitaj el la granda UIC-leksikono, kiu enhavas pli ol 11000 terminoj.
Tre interese estas, ke en Hispanujo, Danlando, Finnlando, Nederlando kaj Norvegujo, oni sekvis la ekzemplon kaj admonon de samideano Ritterspach. En la menciitaj landoj baldaŭ aperos verkaĵoj similaj al lia, kaj tio estas la unua ŝtupo al tutplena Esperanto-varianto de la granda UIC-leksikono.
Tion oni antaŭvidas prezenti preta post kelkaj jaroj, kaj en tiu giganta traduklaboro partoprenas terminaraj reprezentantoj de multaj landoj.
Ĉiu opa reprezentanto devas traduki proksimume 700 terminojn.
Dum la laborkunsido „estraro-komitato", la jugoslava sekcio surprizis per eldonaĵo en Esperanto de Internacia Konvencio pri la Fervoja Vartrafiko (CIM). Bonege farita, karaj jugoslavoj!
Flanke de eldonado de terminaroj, estas ege necese ke ni IFEF-anoj montru al la fervojadministracioj ke ni vere havas alternativon al solvado de la lingva

ĥaoso kiu regas en internacia trafiko. Estas rimarkinde ke la laboro kiun fervojistoj nun dum la lastaj 20 jaroj faris, ankaŭ infektis deĵorantojn ĉe poŝto kaj telegrafo, ĉar en la kadro de nia kongreso, okazis fondiĝa kunveno de esperantista fakmovado ankaŭ por funkciuloj de tiu servo....

Ni vervojistoj gratulas ilin, ni deziras al ili multe da sukceso, kaj ke la poŝto kaj telegrafo vere komprenu ilian bonvolon al solvado de la lingva ĥaoso kiu regas en la laborterenc ankaŭ de tiuj internaciaj entreprenoj.

Dum la kongressemajno estis multflanka distrado, — folklorprogramo, pantonimteatro, kaj Bulgara Esperanta Teatro bonege prezentis „La akridoj", de Stefan L. Kostov.

Mi partoprenis en multaj Esperanto-kongresoj, kaj mi ĉeestis dum multaj teatraj vesperoj, sed tiu de Varna estas la plej bonsukcesa Sufiĉe malpeza komedio, eminentaj geaktoroj, kiuj vere regas la internacian lingvon, zorgis por amuza vespero. Per sia ludado ili enkondukis nin en la bulgaran literaturon — do ne nur plezuro, sed ankaŭ kulturo.

Estas ankaŭ dece ke la kongreso dancas. Tion ni faris en la hotelo Havana, post abunda bankedo, donita de la urbo Varna.

Dum la semajno ni ankaŭ faris ekskursojn, al urbo Nesebar, kun arĥeologaj elfosaĵoj kiuj atestas pri la bulgara pratempo, kaj al Balĉik, la sidejo de la iama bulgara monarkio.

Okazis piedpilkbatalo inter IFEF-taĉmento kaj taĉmento de bulgaraj fervojistoj: „Lokomotiv".

Malfeliĉe niaj samideanoj malgajnis per 10—4.

Sub gvidado de Dr. Imre Ferenczy okazis junularajn kunvenojn.

Estas ĝojige ke en kelkaj landoj ankoraŭ troviĝas gejunuloj inter fervojistoj, kaj ke ili fariĝis esperantistoj kaj IFEF-anoj.

En multaj landoj oni dum jaroj ĉesis la varbadon al la fervojist-profesio, sekve la fervojistaro preskaŭ nur konsistas el mezaĝaj aŭ eĉ maljunaj homoj, kaj oni ofte pensas: Kia estu la sorto de nia movado en la estonteco?

La aktiveco inter la IFEF-junularo estas la respondo.

Dum la ĉijara kongreso okazis elektoj kun la jenaj rezultoj:

Prezidanto: Joachim Giessner, Okcidenta Germanujo. Vicprezidanto: Gvozden Sredic, Jugoslavio. Sekretariino: Elfriede Kruse, Okcidenta Germanujo. Kasisto: Otto Walder, Svisujo. Redaktoro: Per Johan Krogstie, Norvegujo.

Dum la lastaj horoj de la kongreso okazis la kongresfermo en hotelo Erma, kaj je tiu okazo mi havis la plezuron transdoni la gvidadon de IFEF de prezidanto de Jong al la novelektita prezidanto Giessner.

Al la 20-jara jubileo mi kunportis de la norvega IFEF-sekcio donacon al IFEF, antikvan signal-lanternon, iam en uzo ĉe Norvegaj Ŝtataj Fervojoj.

La lanternon kun verda lumo mi liveris al prezidanto de Jong.

En paroladeto mi komparis nian movadon kun trajno, kiu ekveturis de Amsterdamo en 1948.

En la trajno estas unu vagono de preskaŭ ĉiu lando en Eŭropo.

En la kupeoj sidas la ordinaraj membroj de IFEF, kaj en la lokomotivo kaj en la trajno deĵoras fervojistoj — la estraro. Ĉiujare, dum unu semajno en majo la trajno haltas en stacio, nome en la kongreslokoj.

Nun la trajno veturis dum 20 jaroj, kaj ĝi haltis en 20 stacioj. Dum la ĉijara stacio, Varna, estas tempo por ŝanĝo de trajnistaro,

Sub gvidado de prezidanto de Jong kaj liaj deĵorantoj, ni pasaĝeroj ĉiam sentis nin sekuraj kaj kontentaj.

Mi petis al de Jong, ke li donu la lanternon al sia posteulo, por ke li donu ekvetursignalon al la trajno IFEF en la estontecon, al la venonta stacio, Avignon en 1969.

Kiel unu el la „konduktoroj" en la IFEF-trajno, nome li kiu, kiel redaktoro, devas prizorgi la informadon al la pasaĝeroj, mi laŭ kutimo inter konduktoroj en trajnoj en mia hejmlando, Norvegujo, deziras al ĉiuj: Bonvenon en la trajno! Bonan, agrablan vojaĝon!

Per ĉiuj miaj fortoj mi volas fari mian eblon por ke la vojaĝo estu bonsukcesa. Mi nur emas esprimi: Tutsole mi ne povas fari multe, de tempo al tempo mi ankaŭ bezonas vian helpon, en formo de bonaj konsiloj, artikoloj k.t.p.

En bona kunlaboro ni certe povas krei bonan, aktualan fervojfakan revuon, je intereso de ĉiuj el ni, kaj plej grave: eble ankaŭ je intereso de la fervojadministracioj en la opaj landoj, tiel ke ili konvinkiĝos pri la taŭgeco de nia kara lingvo kaj afero. Eble ni per nia penado travivos ke nia lingvo venkos en nia laborterenc, la fervojo.

Lasu nin ĉiuj labori takte al tiu celo.

Per Johan Krogstie.

# Raporto pri la unua kaj dua kunsidoj estraro-komitato en Varna la 13-an kaj 16-an de majo 1968

A. **Unua kunsido**

1. Prezidanto de Jong salutas la ĉeestantojn, memorigas pri la elektendaj membroj de la fakprelega komisiono kaj de la nova estraro. Li opinias, ke la tagordo de la dua estrarkunsido ĉefe koncernas punktojn, pri kiuj respondecas la venonta estraro.
Pro tio li konsilas, ke tiu ĉi gvidos la duan kunsidon. Prez. mencias leteron de la Internacia instituto por oficialigo de Esperanto (IOE), kiun li rekomendas trakti en la plenkunsido.
La redaktorino, s-ino Burgler, pro personaj kaŭzoj ne povas ĉeesti en la kongreso. Estis sendita al ŝi telegramo.

2. **Ekzameno de la mandatoj**
(voĉdonrajtas 21 komitatanoj)

3. **Resumado de la raportoj de landaj asocioj**
Vicprezidanto Walder prezentas resumon pri 13 ricevitaj raportoj, kiuj donas bonegan superrigardon pri la agado de la landaj asocioj. (Vidu paĝon 56).
Krogstie raportas pri nova fonduso de NEFA el kies rentumo estu pagotaj ekz. kotizoj por membroj en nepagipovaj landoj.

4. **Raporto pri la komitata laboro**
Ĉefkomitatano Greutert donas superrigardon pri la evoluo de la estrarelekto. Envenis 9 proponoj kun 23 nomoj.

5. **Estrara jarraporto** nenia diskutado.

6. **Estrarelekto**
Prezidanto petas denovan deklaron de la kandidatoj, ĉu ili akceptas. Ili ĉiuj buŝe jesas. La balotado okazos skribe sur diverskoloraj slipoj laŭ la vico pr, vp, sk, ks, rd. Validas nur slipo kiu sole enhavas la nomon de la resp. kandidato. Slipoj sen nomo estas nevalidaj. Ne estas devo elekti. Kandidatoj rajtas sin mem elekti. Kiel voĉnombrantoj estas elektataj s-roj Bernier (Francio), Hardeveld (Nederlando) kaj Rebiĉek (Ĉeĥoslovakio).

7. **Diskuto Kongresproponoj**
Ĉefkomitatano raportas, ke la 4an kaj 17an de januaro envenis ĉe li kongresproponoj, kiuj ne respondecis al la statuto. Pro tio li estis petinta la proponintojn repreni ilin. Nea respondo nur envenis en aprilo. Prezidanto proponas voĉdonadon pri la afero. Rezulto: por prokrasto 12, kontraŭ 9.

B. **Dua kunsido**

Vicprezidanto Walder malfermas la kunsidon. La aliaj membroj de la ĝisnuna estraro ne ĉeestas. Li transdonas la gvidadon pri tiu dua kunsido al la novelektita estraro.
Ĉefkomitatano ekzamenas voĉrajton de la kom-oj. Prezidanto enkondukante sciigas, ke jam okazis kunsido de la nova estraro. Li donas retrorigardon pri la dum 20 jaroj farita laboro, akcentante ĝian fakan karakteron. Niaj kongresoj nepre estu fakaj, por ke ni estu agnoskataj flanke de fervojaj instancoj. La turismo ludu la duan rolon, kvankam ankaŭ ĝi estas grava pro allogo de kongresanoj kaj kontraŭpezo kontraŭ la laboro. Tasko de la nova estraro i.a. estos firmigi nian reputacion. Rezultoj nur eblos helpe de celtrafa organizado kaj planado kaj interna disciplino. Ni ankaŭ devos akordiĝi al la kadra programo de UEA, ties laborplano kaj principaro de Frostavallen.

**Punktoj de la tagordo**

1. **Rilatoj al FISAIC**
IFEF kiel internacia organizaĵo ne povas esti membro de FISAIC, nur la unuopaj landaj asocioj povas membriĝi. Walder skribis al Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Polio pro membriĝo. Ĉeĥoslovakio petis regularon, la aliaj ne respondis. Por la reputacio de IFEF gravos, ke ni sukcesos membrigi plurajn landojn al FISAIC. En neniu lando estas principa kontraŭstaro.

2. **Budĝeto**
Kasisto prezentas kaj klarigas la budĝeton. Ni faru ĉion por sekvi la indikojn de la budĝeto kaj minimume dum la venontaj du jaroj ni evitu kotizplialtigon. Transdono de la kaso okazos baldaŭeble. Pro la tre altaj kostoj la paĝonombro de LIF ĉi-jare ne povos atingi saman amplekson (100) kiel en 1967, provizore estas fiksitaj 90 paĝoj. La postkongresan numeron ankoraŭfoje redaktos de Jong. Redaktoro tuj esploros, ĉu en Norvegio estos ebleco presigi LIF-on, aliakaze ni

akceptos la favoran oferton de Nürnberg, kie ni ĝis jarfino povos havi saman formaton kiel ĝis nun.
La budĝeto estas unuanime akceptita.

3. **Laborplano**

estas prezentita, kiu en kelkaj punktoj jam estas plenumita. Walder ĝin ankoraŭfoje prilaboros kaj zorgos por publikigo en LIF. Ĝi estu provizora bazo, kiu estontece estos adaptita al la cirkonstancoj.
Sredić admonas intensivigi la kontaktojn al fervojaj lernejoj. Delaquaize sciigas pri interesuloj en Maroko kaj invitos ilin al Avignon. D-ro Bácskai raportas pri klopodoj en Rumanio kie la poresperanta agado estas malfacila.
*Junulara paĝo en LIF:* La junulara komitatanoj kaj la junulara sekcio nepre zorgu por ensendo de materialo al la redaktoro.

4. **Gazetara servo**

Ĉefkomitatano prezentas planon pri gazetara servo. Li pledas por internacia reto de kunlaborantoj, kiuj liveros gravajn novaĵojn al starigota centro. Kelkfoje en la jaro la centro eldonu „bultenon". Redaktoro celas „IFEF-ĵurnaliston" en ĉiu lando, kiu lin provizos per novaĵoj. Sed ambaŭ planoj estas du diversaj aferoj. Giessner deziras, ke nia agado trovu pli da vojoj al la ĝenerala Esperanto- kaj ne-Esperanto-gazetaro. Sekereŝ memorigas je la iama fiaskinta redaktora komitato. Se oni publicas artikolojn el LIF alialoke, oni nepre indiku la fonton. Walter konkrete proponas: Post la kongreso en ĉiu lando oni verku raporton, kiu nepre substreku la fakajn eventojn kaj decidojn. Oni ofertu tiujn raportojn al ĉiuspecaj gazetoj kaj revuoj, sindikatoj, fakaj lernejoj ktp. Post unu jaro ni esploru la rezultojn. Ĉk rigardas tiun proponon kiel komencon.

5. **Libera diskutado**

D-ro Bácskai provis kontaktiĝi kelfoje kun s-ro Jaumotte (UEA). Kunvenoj kaj disdono de materialo en UK estas dezirindaj, ĉar ĝuste en UK necesas informoj pri nia speciala agado. Tiaj kunvenoj havu la karakteron de kontakt-kunvenoj, sed prefere nomiĝu „fakaj kunvenoj".
La estraro estontece sendos salutojn al tiaj kunvenoj (kaj se eble reprezentanton). Ĉiuj okazontaĵojn en IFEF-medioj (t.e. ankaŭ en ĉiuj landaj asocioj) nepre *sufiĉe frue* anoncu al sekretariino, por ke la estraro povu minumime sendi salutojn. Se faka prelego en UK estos intencata, bv. tre frue sciigi tion al estraro kaj la gvidanto de la fakprelega komisiono.
Sekereŝ: Baldaŭ SAT-kongreso en Novi Sad. Li estas en LKK kaj invitas.

Protokolis: Kruse
Kompilis: Giessner

## Budĝeto de IFEF 1969

en svisaj frankoj

ENSPEZOJ

| *jarkalkulo 1967* | | | *budĝeto 1969* |
|---|---|---|---|
| 8042.— | Kotizoj 2600 × fr. 3.— = | 7800.— | |
| | minus ev. perdo 5% .. | 390.— | |
| | | | fr. 7410.— |
| 233.— | Rentumo ............ | | - 200.— |
| | | sume | fr. 7610.— |

ELSPEZOJ

| *jarkalkulo 1967* | | *budĝeto 1969* |
|---|---|---|
| 6108.— | Presado de LIF .... | fr. 5570.— |
| 894.— | Sendado de LIF .... | - 900.— |
| 260.— | Administrado ........ | - 350.— |
| —.— | Presado de leterpapero | - 410.— |
| 350.— | Vojaĝoj, reprezentado | - 300.— |
| 78.— | UEA kaj SAT kotizoj | - 80.— |
| | sume | fr. 7610.— |

**Komentario:**

Maldekstre vi trovas de jarkalkulo 1967 sole la ciferojn, kiuj interesas nin por tiu budĝeto. Aliajn pagojn ni forlasis.
1967 envenis kotizoj por 2680 membroj + 60 de ĈSSR blokitaj en Praha. Ĉe parto el tiuj kotizoj temis pri pago por pli fruaj jaroj, do eblas kalkuli kun nur 2600. La enkalkulo de perdo ĉe membrokotizoj eĉ devus esti 10%, sed ni rajtas esperi, ke la indikitaj 5% sufiĉu.
Presado de leterpapero kaj kovertoj jam 1968 devos efektiviĝi; pago en 1969.
Dank al tre favora oferto de presejo en Nürnberg, la sumo por LIF grave reduktiĝos. La budĝetita sumo sufiĉos por presigo de 92 paĝoj, kompare al 100 dum 1966 kaj 1967. Tamen ne forgesu, ke por 1968 ni devus por presado en Nederlando pagi almenaŭ 6500.— fr. La nova estraro certe ekzamenos, ĉu ne jam post, aŭ eĉ ek de n-ro 4/1968 ni transiru al la nova presejo. Ni atendas pliajn ofertojn el Norvegujo.

O. Walder

# Protokolo pri la unua plenkunsido en Varna (Ora Sablo) la 14-an de majo 1968

1. Prezidanto de Jong malfermas la kunsidon kaj konstatas malgraŭ belega vetero plej kontentigan viziton.

2. La prezidanto resp. sekretario laŭtlegas salutleterojn kaj telegramojn.

3. kaj 4. Pri la kongresraporto kaj la estrara jarraporto ne estis diskuto.

5. Raportoj pri la komisiona laboro kaj komisionaj kunsidoj aparte aperos. Menciinde estas, ke la fakprelega komisiono novkonsistiĝis kaj post demisio de la ĝisnuna gvidanto Giessner elektiĝis kiel nova gvidanto s-ro Willi Brandenburg (Germanio).

6. **Kongresproponoj**
(vidu LIF n-ro 2/68 paĝo 32)

*Propono n-ro unu* (de F.E.R.N.)

*La 20-a IFEF-kongreso decidu:*
*ke dum la kongresoj ankaŭ rajtas ĉeesti la komitatkunsidojn interesataj membroj, sed nur kiel aŭskultantoj.*

La diskutado montras, ke la komitata laboro nepre bezonas sufiĉe da trankvileco. Pro tio la statutkomisiono nur allasis unu observanton po lando. Delaquaize pledas por la propono, ĉar en Francio oni faris bonajn spertojn allasante ĉiujn interesulojn. Giessner ne estas tute kontraŭ, sed ekzistas tagordopunktoj, kiuj devas esti priparolataj ne nur senĝene, sed kiuj ne ĉiam taŭgas esti publike traktataj.
Krome en IFEF-kongresoj la nombro de interesitaj personoj kaj sekve la ĝenado antaŭvideble estus pli grandaj ol en kunsido de la landa asocio. Pro tio li proponas kompromisan eksperimenton, nome aŭ unu nepublikan komitatkunsidon kaj unu publikan aŭ post nepublika parto de la kunsidoj oni allasos la publikon. Tio dependas de la tagordoj. Geroldinger rekomendas ĉi tiun kompromison. Labordus substrekas, ke la tuta afero nur estu eksperimento. En tiu senco unuanime akceptita.

*Propono n-ro du* (junulara sekcio)

*La junulara Sekcio de IFEF efektivigu pli fortajn kontaktojn kun la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo — TEJO.*

Giessner, kiu faris similan proponon jam antaŭ jaroj, salutas ĝin. Unuanime akceptita.

7. **Estrarelekto**

Ĉar la junulara komitatanino Hervouet nur post komenco de la elekto venis en la kunsidon, por elekto de la prezidanto kaj vicprezidanto ekzistis 22 voĉoj, por la aliaj 23 voĉoj.

*Rezulto de la elekto:*

prezidanto: Joachim Giessner (Germanio) 21 voĉoj (1 nevalida);
vicprezidanto: Gvozden Sredić (Jugoslavio) 13 voĉoj (9 por d-ro Bácskai);
sekretario: Elfriede Kruse (Germanio) 23 voĉoj;
kasisto: Otto Walder (Svisio) 21 voĉoj (2 nevalidaj);
redaktoro: Per Johan Krogstie (Norvegio) 21 voĉoj (1 sindet., 1 neval.).

8. Kiel revizoroj kaj vicrevizoro estas elektitaj:
Alfred Hunziker (Svisio); Johan Jüstrich (Svisio); Hans Hanselmann (Svisio); Hans Noll anstataŭanto.

9. Kiel kongresloko por 1969 estas aplaŭde akceptita Avignon (Francio).
Por 1970 invitas Gimelli al Italio (Bologna aŭ Rimini).

10. Libera diskutado:
La ĝenerala sekretario Sekelj de l'Internacia Instituto por Oficialigo de Esperanto (IOE) skizas la celojn de la instituto kaj sugestas kunlaboron inter IOE kaj IFEF. Ĉar tiu propono nur venis 1 semajnon antaŭ la kongreso, ne estas eble diskuti ĝin aŭ eĉ ion decidi.
La nova vicprezidanto, kiu loĝas en Beogrado, kie estas la sidejo de IOE, esploros la situacion.

Protokolis: Kruse
Kompilis: Giessner

---

**Manuskriptojn por la sekvonta LIF bonvolu sendi, antaŭ la 15-a de aŭgusto, al la redaktoro:**

**P. J. Krogstie, Box 61, N 2340 Löten, Norvegio.**

---

# Fakprelega komisiono



*Willi Brandenburg*
*Gvidanto por fakprelegoj*

Kvankam la fakaj konferencoj, laborkunsidoj, fakprelegoj k.s. ne apartenas al la plej frekventataj kongreseroj, tamen ili solaj legitimas fakan kongreson, kiel ajn agrablaj, dezirindaj kaj necesaj estas la turismaj akcesoraĵoj aŭ amuzaj kunestoj. Fakprelegoj kaj fakaj artikoloj sur la fundamento de la terminara laboro reprezentas nian Fervojistan Federacion kaj decide kontribuas al ĝia bona reputacio en la Esperantomovado, antaŭ la fervojaj administracioj kaj inter la cetera publiko. Tiu fakto, konstatita kaj agnoskita de IFEF jam tre frue, pruviĝis dum la evoluo de nia fakprelega laboro, kies rezultoj montras konsiderindan nivelon.
La Fakprelega Komisiono kunsidis la 13-an de majo je la 14.00 h en hotelo Rodina. La ĝistiama komisionestro kol. Giessner en detala raporto rememorigis la fakprelegan laboron depost 1952. En Lindau ekzemple, dum la 4-a Kongreso, okazis faka ekskurso kun mallongaj prelegoj pli-malpli nur informaj, i.a. pri dizellokomotivoj, kanaligo de Mozelo kaj aliaj temoj. Poste oni provadis jenan sistemon. Laŭ interkonsento la kunlaborantoj kompilis serion da prelegoj pri la sama temo, kiujn prezentis la respektivaj landaj asocioj, ĉiu el siaj sperto kaj vidpunkto. Tia procedo kaŝas en si la enuigon de statistika komparo. Kvankam pluraj agnoskindaj verkoj estis farataj, tamen la sistemo montris gravajn malavantaĝojn. Ne ĉiuj landaj asocioj regule kunlaboris, komparaj konkludoj apenaŭ eblis pro manko de gvidaj principoj, ne troviĝis sufiĉe da fakuloj lingvospertaj ktp. Fine post plurjara eksperimentado konstituiĝis tripersona komisiono; kol. Giessner estis komisiita ellabori gvidliniojn kaj sistemigi la kunlaboron internacian.
La nova periodo speguliĝas en la statuta regularo (V 25-27), kiun instigis jena ideo: la gastlando prezentas unu aŭ du ĝenerale interesajn temojn verkitajn kaj prezentatajn de esperantistaj fakuloj; aŭ la prelego estu almenaŭ verkita de alilingva spertulo, senmanke tradukita kaj korekte parolata. La intertempe aperinta Fervoja Terminaro fine donis la urĝe atenditan lingvan normon por niaj fakvortoj. Krome la regularo fiksas la rajton konsulti la Terminaran Komisionon. Pri laŭorda plenumo de ĉi-supraj principoj klopodas la Fakprelega Komisiono, konsistanta nun el tri konstantaj membroj plus po unu el la gastiganta kaj gastigonta landoj. Tiu nova sistemo rezultigis altnivelajn prelegojn; kelkaj temoj traktis specifajn problemojn de la gastlando, resume ekzemple: Finnlando „Luktado de la fervojoj kontraŭ la vintro"; Hispanio „La larĝa ŝpuro"; Britujo: „Rilatoj de la fervojoj kun la kontinento". Unika ĝis nun, sed produkto de longa, pena laboro estis la prelego pri metodoj ordoni al trajnoj en diversaj fervojoj, kiun temon helpis kompili laŭ bazaj demandaroj 11 landoj. La aŭtoro mem prezentis ĝin en Fulda pasintan jaron. Precipe tiu ĉi temo trovis vastan intereson ne nur inter la kongresanoj: ĉ. 15 publikigoj komplete aŭ resume aperis, plej multaj en nacilingvaj fakorganoj; du fervojadministraciaj faklernejoj utiligas la tekston; pluraj arkivoj kaj bibliotekoj disponigas ĝin studcele; unu teknika altlernejo (Braunschweig) petis la du prelegojn de la 19a Kongreso por esploraj kompletigoj.
Tio ĉi estas nur minimumaj nombroj por demonstri, kiom da intereso vekis nia laboro ekster la kadro de IFEF, eĉ inter neesperantista publiko; fakte oni povas kalkuli pri pli da publicoj kaj aplikadoj, dank' al la persista laboro de niaj aktivuloj. Aliflanke ankoraŭ 500-o da bildbroŝuroj taŭge kompletigantaj la prelegotekstojn aperintajn en LIF n-roj 4-5/1967 atendas sian distribuon. Menciindaj estas la fervojaj fakprelegoj okazintaj dum la Universalaj Kongresoj en Mainz, Kopenhago, Budapest kaj planita por Madrid.
Post tiu skizo pri la pasinta laborperiodo

kol. Giessner konfirmis sian deklaritan demision. Kiel novan komisionestron oni elektis la proponitan kolegon Brandenburg, kiu de ĉ. du jaroj komisie plenumis tiun ĉi oficon. Li daŭrigis raporti pri freŝaj spertoj de la ĵus pasinta interkongresa sezono kaj pri la intensa kunlaboro kun la nunjara komisiito kol. Simeonov koncerne preparon de la du ĉi-kongresaj prelegtemoj, kiujn pluraj diskutantoj opiniis tro specialiste teknikaj. Jen evidentiĝas ree la dilemo de nia evolustato: ĉu rezigni pri teknika kvalito por interesi kiel eble plej grandan kolegaron esperantistan, ĉu insisti pri alta nivelo por demonstri la fakan legitimon de nia organizo? Ĉi tie trovi kontentigan sintezon, tio estas la plej delikata tasko de la Fakprelega Komisiono.
Anstataŭante komisionanon Blondeaux, la komisiiton de la 21-a Kongreso, kol. Bernier eksplikis la temon proponitan por Avignon „La grandaj rapidecoj". Ni povas atendi denove tre aktualan fakprelegon, ĉar SNCF sur tiu tereno sendube okupas gvidan rolon kaj el multjara eksperimentado spertis, kiujn problemojn ataki kaj kiajn avantaĝojn ekspluati.
La plenkunsido okaze de la komisiona raporto per granda aplaŭdo dankis al kolego Giessner, kiu estis dum multaj jaroj inicianto kaj motoro de la fakprelega evoluo, kies senlaca klopodo kaj abunda sperto dokumentiĝis en regularo kaj gvidlinioj por la komisiona agado.
La fakprelegon pri dizela kaj elektra trakcioj prezentis la 14-an posttagmeze inĝ. S. Simeonov el la „Scienca esplora instituto pri transporto, Sofia". Kiel kompetenta fakulo, kunverkinto kaj tradukinto li elokvente konatigis al la aŭskultantoj evoluon de la modernaj trakcioj en nia gastlando. Koloraj diapozitivoj ilustris la paroladon. La duan prelegon, same kunverkitan kaj tradukitan de kol. Simeonov, parolis inĝ. G. Ĉernev ĵaŭdon posttagmeze. Ĝi temis pri la nuntempa vagonkonstruado kaj ties laboratoria provado laŭ internacia normo. Ankaŭ ĝi estis akompanata de dia-prezentado. Ilustraĵoj kun tekstresumoj estis je dispono al ĉiu interesulo post ambaŭ prelegoj. La plenaj tekstoj aperos en la venontaj n-roj de LIF.
Aparte menciindaj kaj surprizaj eĉ por la aranĝantoj estis la longaj diskutoj, kiuj sekvis la prelegojn. Ili atestis viglan intereson kaj fakan scion flanke la aŭskultantaro. Ĝi ne pravigis la anticipan opinion, ke alta teknika pretendo ne trovas interesitan publikon. Ĉu hazardo, ĉu esperiga signo? Kun kora danko al la prelegintoj, kundiskutintoj, la eksiĝanta kunlaboranto Simeonov kaj al kol. Ritterspach pro terminara konsilado, la komisionestro finis tiun ĉi fakprelegan sezonon.

Willi Brandenburg

**ADRESOJ DE LA ESTRARO :**

1. **Prezidanto: Joachim Giessner**
   342 Herzberg/Harz (Germanio)
   Bahnhof
2. **Vicprezidanto: Gvozden Sredić**
   Poŝtfako 563, Beograd (Jugoslavio)
3. **Sekretariino: Elfriede Kruse**
   6 Frankfurt (M) 70 (Germanio)
   Schweizer Str. 104
4. **Kasisto: Otto Walder**
   Esperantoweg 10
   CH-8590 Romanshorn (Svislando)
5. **Redaktoro: Per Johan Krogstie**
   Boks 61, N-2340 Löten (Norvegio)

## Simon Csóra †

Post longdaŭra malsano forpasis en Budapest, la 20-an de Junio 1968, nia fidela amiko Simon Csóra, en aĝo de 64 jaroj.
Lia forpaso lasas malplenan lokon, kaj en la hungara fervojista asocio kaj en nia federacio, kie li estis tre ŝatata amiko.
Al lia familio ni esprimas niajn sincerajn kondolencojn.

La IFEF-estraro.

# Futbala maĉo kontraŭ la loka sporta societo „Lokomotiv"

La internacia futbala teamo de IFEF preparis sin sub la gvido de hungara trejnisto s-ano Gusztáv Rozgova. En la ĉefstadiono „Jurij Gagarin" de Varna okazis la futbala maĉo. La teamo Lokomotiv havas bonan rezulton en la bulgara nacia ĉampioneco. Antaŭ la ludo la prezidanto de la sporta Societo „Lokomotiv" salutis la internacian teamon. S-ano G. Rozgova rekompencis la salutvortojn kaj esprimis dankojn pro la sporta aranĝo.

La IFEF-teamo ludis kun la sekvantaj ludantoj: Doliwa (Germanujo), Helmult Sikor (Germanujo), P. Dimitrov (Bulgario), T. Atanasov (Bulgario), Kumanov (Bulgario), Cardinal (Francio), Morollon (Hispanio), Garzon (Hispanio), Karakasev (Bulgario), Grigorov (Bulgario), Mevel (Francio). En la dua parto de la ludo ankoraŭ ludis Rozgova, Ferenczy (Hungario) kaj Reif (Ĉeĥoslovakio). La teamo komencis la ludon tre entuziasme, sed poste vidiĝis, ke la internacia teamo ne havis preparludon antaŭ la futbala maĉo en Varna. Fine la rezulto estis 10—4 (5—1) por la Lokomotiv Varna.

Sufiĉe multaj gekongresanoj kaj sportamantaj homoj el Varna rigardis la interesan ludon en la ĉefstadiono. La ludantoj de IFEF tre entuziasme ludis, ili ĉiuj meritas laŭdon. Precipe bone ludis s-ano Helmut Sikor kaj s-ano Karakasev. Apartan dankon meritas s-ano Gusztáv Rozgova, kiu donis valorajn fakajn konsilojn, — kiel trejnisto de la teamo, — al la ludantoj. Estas tre dezirinde aranĝi futbalajn maĉojn ankaŭ en la sekvontaj kongresoj, eĉ krom la futbalo oni povus organizi konkurojn en aliaj branĉoj de la sporto. Oni povis konstati, ke tiu ĉi sporta aranĝo plifortigis la amikecon inter la junularo kaj ĝi estis bona propagando por nia internacia lingvo.

D-ro Imre Ferenczy



# Raporto pri la junularaj aranĝoj en la kadro de la 20-a Jubilea IFEF-Kongreso en Varna

**Renkonto kun la loka neesperantista junularo** (12.5.1968)

En la kulturdomo de la transport-laboristoj okazis la renkonto, ĉeestis ĝin proksimume ducent gejunuloj. En la nomo de la neesperantista junularo salutparolis la urba sekretario de la loka Komsomolo. Poste D-ro Imre Ferenczy, gvidanto de la Junulara Sekcio de IFEF salutis la ĉeestantojn, konigis la celon de la esperantista movado kaj detale informis pri la agado de la IFEF-Junularo. La junularo bone amuziĝis kaj longtempe dancadis. Post la dancado en la vesperaj horoj la junularo faris ŝipekskurson sur la Nigra Maro.

**Kunveno de la IFEF-Junularo** (13.5.1968)

Ĉeestis 32 gejunuloj el ok landoj (Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Francio, Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio). S-ano inĝ. Simeon Simeonov malfermis la kunvenon kaj skizis la gravecon de la junulara movado inter la fervojistoj. Pri la farita laboro raportis D-ro Imre Ferenczy. Li skizis la lastjaran agadon, la valoran skisemajnon, kie en Aŭstrio ĉeestis 52 personoj. En la lastaj jaroj okazis reciprokaj vizitadoj inter la fervojista esperantista junularo. Ankaŭ la diversajn Esperanto-kongresojn kaj feriosemajnojn partoprenas multaj gejunuloj. Komenciĝis laŭdindaj kontaktoj kun TEJO kaj la organo de IFEF jam aperis detala priskribo pri TEJO kaj ĝiaj aranĝoj.
Post la detala raporto S-ano inĝ. Jozefo Cziboly (Hungario) prezentis la laborplanon de la IFEF-Junularo por la sekvonta periodo.
En la kadro de la alparoloj unue s-ino J. Bernier (Francio) parolis pri la problemoj de la ĝisnunaj internaciaj junularaj skisemajnoj, kiuj okazis en Aŭstrio. Ŝi petis, ke la skisemajnoj okazu ĉiam en aliaj landoj, ke la partoprenantoj povu ekkoni ankaŭ aliajn landojn. S-ano Johann Geroldinger (Aŭstrio) raportis pri la preparlaboroj por la venontjara 9/10-a internacia skisemajno. Tiu ĉi aranĝo estos jubilea kaj poste oni aranĝu skisemajnojn en aliaj landoj.
S-ano Germano Gimelli (Italio) informis la junularon pri la ebleco aranĝi skisemajnojn ankaŭ en Italio. Li povas aranĝi skisemajnojn en la jaro 1971. Por la sekvonta jaro li proponas aranĝi la skisemajnojn en Aŭstrio, ĉar la preparlaboroj jam komenciĝis. S-ano Ladislav Adamek (Ĉeĥoslovakio) menciis, ke ankaŭ en Ĉeĥoslovakio estus ebleco por skisemajno. S-ano Bojidar Leonov (Bulgario) estrarano de la STELO-organizaĵo kaj vicprezidanto de la Bulgara Esperanto-Junularo salutis la junajn gekongresanojn. Li menciis, ke inter IFEF kaj STELO povas okazi bonaj kontaktoj en la sekvonta tempo. S-ano Otto Walder, vicprezidanto de IFEF salutis la ĉeestantojn kaj laŭdis la aktivecon de la junularo. Li promesis, ke la Estraro de IFEF subtenos ankaŭ en la estonteco la junularan movadon. S-ano Nikola Nikolov (Bulgario) en la nomo de la Turisma Fako de BEA parolis. Li proponis, ke IFEF zorgu pri la instruado de Esperanto inter la junaj fervojistoj. La junulara kunveno unuanime akceptis la prezentitan laborplanon, kies tekston mi aldonas ĉikune. Laŭ la propono de S-ano Otto Walder la kunveno decidis unuanime, ke la gvidanto de la Sekcio estu denove D-ro I. Ferenczy por la sekvontaj du jaroj. Pri la sekvontaj skisemajnoj oni decidis tiel, ke venontjare en Aŭstrio, poste en Ĉeĥoslovakio kaj en la jaro 1971-a en Italujo ili okazos. S-ano inĝ. S. Simeon Simeonov resumis la decidojn de la kunveno kaj fermis la junularan kunvenon.
En la kadro de la plenkunsido de IFEF la 14-an de majo 1968 okazis la raporto pri la laboro de la Junulara Sekcio. La Estraro kaj Komitato unuanime akceptis la raporton de D-ro I. Ferenczy. Poste komenciĝis la pritrakto de la Kongrespropono prezentita de la Junulara Sekcio, kies teksto estas: „La Junulara Sekcio de IFEF efektivigu pli fortajn kontaktojn kun la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo — TEJO". La Junulara Sekcio donis al la propono skizan komenton. La gvidanto de la Sekcio kompletigis la komenton tiel, ke li parolis pri la ĝisnunaj rezultoj inter la IFEF-Junularo kaj TEJO en Aŭstrio kaj en Hungario. Alparolis S-ro Giessner kaj S-roGimelli. Ili ĝojis pro la prezentita kongrespropono. La Estraro kaj Komitato voĉdonis unuanime favore al la propono.

D-ro Imre Ferenczy

# Jarraportoj de la landaj asocioj de IFEF 1967

De niaj 19 landaj asocioj ni ricevis 15 jarraportojn 1967. Kun la aŭstralia asocio mankas de jaro ĉia kontakto. La belga asocio ne aktivis post jarkomenca likvidiĝo kaj pli mafrua refondiĝo. La brita kaj bulgara asocioj ne sendis raportojn. Grandparte la bultenoj venis nur post la limdato. Raportado ne estu taksata kiel formalaĵo malagrabla. Nur tiel estraro kaj komitato ricevas supervidon pri la agado, ofte ne sciigata dumjare. El sukcesoj kaj malsukcesoj aliaj landaj asocioj povas lerni multon.
Kvankam ni jam aplikis skemon por niaj raportoj, la de nia ĉefkomitatano proponita decimala sistemo estas tre bonvena kaj donas pli bonan supervidon. Kun du esceptoj, Finnlando kaj Hungarujo ĉiuj aplikis la novan sistemon.

1. **Membraro.**

Pro manko de kelkaj raportoj ne eblas precize mencii nian membrostaton. Parte estas diferencoj inter jarraportoj kaj la koncernaj ciferoj en „Jarraporto de IFEF" en LIF 2/1968. Mankas ciferoj pri Bulgarujo, sed estas konstatebla, ke IFEF nombrus 1100 membrojn pli, se ne ekzistus devizaj malhelpoj.
La unuan fojon ni ricevis supervidon pri la nombro da gejunuloj de malpli ol 28 jaroj. 4 Landoj ne havas junmembrojn, Danlando, Nederlando, Norvegujo kaj Svedujo. En unua vico estas Hungarujo kun 90 anoj. Laŭ la ricevitaj raportoj, IFEF havas 304 junmembrojn.

2. **Informa laboro**

Propra gazetservo ne ekzistas en iu el niaj l.a. Tamen la informado de la gazetaro, ĉefe de fervoj-sindikata preskaŭ ĉie estas prizorgata. Temas pri okaza informado. La plimulto el la landaj asocioj rekomendas gazetaran servon de IFEF kun 2 - 4 bultenoj jare.
La informa laboro okazas tre multflanke. Eldonado de afiŝoj kaj flugfolioj kaj de apartaj varbgazetoj. Varbado en stacidomoj kaj personaraj ejoj per elmontrokestetoj. Laŭdinda estas la kreo de migrantaj ekspozicioj, kiel ilin posedas Aŭstrujo kaj Danlando.

3. **Radio-amatoroj.**

La propono akceptita en Fulda estis esplorita. Fakte mankas radio-amatoroj scipovantaj Esperanton. Post du koncernaj cirkuleroj flanke de IFEF montriĝas, ke en iuj landoj oni provos starigi kontaktojn kun tiaj grupoj.

4. **Fakprelegoj.**

Dume ke fakprelegoj gravas dum kongreso, same gravas publikigo aŭ resumo en oficialaj personaraj kaj sindikataj gazetoj. Laŭ la raportoj, la plena teksto de la prelegoj en Fulda nenie estis transprenitaj. Tri oficialaj personaraj gazetoj, 8 sindikataj gazetoj kaj 1 loka gazeto publikigis resumojn. Mencioj pri fakprelegoj kaj titolo aperis en kromaj 17 gazetoj pruvitaj kaj certe en pliaj gazetoj nepriatentitaj.

5. **Aktiveco kaj sukcesoj.**

La plej elstara aranĝo estis la 19-a IFEF-kongreso en Fulda, ne laŭ nombro de partoprenintoj, 430 el 20 landoj, sed laŭ karaktero, publikigo kaj organizado. La unuan fojon IFEF-kongreso estis sub aŭspicioj de FISAIC. Ties prezidanto d-ro Schlesser partoprenis la kongreson kaj havigis FISAIC-medalojn al 3 membroj meritaj pro sukcesa aranĝo de esp. feriosemajnoj.
Invitojn al la fervojaj direkcioj, resp. ministerioj en Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo kaj Polujo pri permeso aliĝi al FISAIC flanke de niaj landaj asocioj rezultis ĝis nun sole leteron el Praha kun peto pri detalaj informoj rilate taskoj.

*Aŭstrujo.* Sukcesa aranĝo de du skisemajnoj. El kolektita materialo estis starigita migranta ekspozicio, kiu komencis en Vieno, sudstacidomo sian cirkuladon tra la lando.

*Ĉeĥoslovakujo.* Okazis kursoj en diversaj lokoj kun 120 lernantoj kaj korespondа kurso kun 150 studantoj. La jarkunveno decidis inviti la IFEF-kongreson 1972.

*Germanujo.* Plej elstara ero estis la 19-a IFEF-kongreso en Fulda. Bonega impreso surloke kaj en la gazetaro (rekorda kolekto de 170 eltranĉaĵoj).
Aperigo de la libro „Internacia konvencio pri la pasaĝer- kaj pakaĵtrafiko", en traduko de W. Barnickel.

*Finnlando.* Apartaj aranĝoj por esperantistoj en kadro de kongreso de fervojistaj abstinenculoj, sub lerta gvidado de s-ro Matti Volti.

*Hispanujo.* Sukcesis la klopodoj eldoni flanke de la fervoja direkcio la informilon „Facilaj vojaĝoj en Hispanujo".
*Hungarujo.* Okazigo de 17 kursoj kun 265 lernantoj. En fervoja ĉeflernejo Budapest la instruado de Esperanto estas fakultativa objekto kaj partoprenita de 28 gestudentoj.
Daŭrigo de la klopodoj por faka terminaro. Karavano al Uzbekistano.

*Italujo.* Sukcesaj klopodoj por enigi „Ĝeneralaj avertoj" en la oficialan horaron de FS de 1968.

*Jugoslavujo.* Traduko de „Internacia konvencio pri fervoja vartransporto" de kol. L. Sekereŝ kaj J. Zupaniĉ, eldono 1968, eldonita de la fervoja direkcio. Dua eldono de „Lernolibro por fervojistoj" de G. Srediĉ en 5000 ekz. Eldono de 10.000 flugfolioj en serbkroata lingvo. Faka fervoja libro „Internaciaj vartarifoj" de G. Srediĉ aperis kun ampleksa resumo en Esperanto en 1200 ekz. Presigo de ampleksa esperanto-teksto en la oficiala horarlibro.

*Svisujo.* Sukcesa aranĝo de 9-a Eŭropa Ferio-Semajno sur Boldern kun 50 partoprenintoj.

Se iu sukceso de landa asocio estis ne akcentita la kompilinto petas pardonon. Rutinajn agojn necesis neglekti por ne tro ampleksigi tiun resumon.

Otto Walder

## PIONIRO FORPASIS

La ĉefa gvidanto de la Esperanto-movado en Hamar, inĝeniero Johan Andreas Kleven, mortis pro korinfarkto la 14an de aprilo 1968.
Li naskiĝis en Trondhejmo la 26an de aŭgusto 1893, praktikis en la elektra fako 1909-15, studis elektroteknikon dum 2 jaroj en Trondhejmo kaj poste dum 2 jaroj en Germanujo. En 1921 Kleven plenumis inĝenieran ekzamenon, kaj de 1926 li estis inĝeniero ĉe NSB en Hamar. De 1945 li krome instruis pri elektrotekniko ĉe la Teknika Vesperlernejo en Hamar.
Kleven fariĝis esperantisto jam en 1916 pere de la dana lernolibro de Zoffmann. Poste li partoprenis kurson de Johan Lövli en Trondhejmo. En 1931 Kleven aranĝis la kursojn de la Ĉe-instruisto Ottmar Fischer en Hamar kaj fondis la klubon „La Norda Stelo", kies prez. li estis en 1931-32 kaj 1959-60. Li estis delegito de UEA por Hamar 1931-36 kaj depost 1953. En 1957 NEL honorigis lin per PRO MERITO (Kavaliro de la 2a klaso).
Li estis ankaŭ aktiva membro de Norvega Esperanta Fervojista Asocio de ĝia fondo en 1949, kaj en 1965 li estis membro de la Loka Kongresa Komitato por la 17a IFEF kongreso en Hamar.
La forpaso de Kleven estas granda perdo por nia movado. Pacon al lia cindro!

## Laborplano

**de la IFEF-Junularo por 1968/69-a jaro**

1. Pli forta kontakto kun TEJO.
   a. Partopreno en la diversaj TEJO-aranĝoj (Tarragona, ktp.).
   b. Interŝanĝo de eldonaĵoj, flugfolioj, gvidlibretoj.
2. Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno. Certigo de la partoprenantoj el diversaj landoj, ke la aranĝo estu vere internacia. Elekto de la loko por 1969 kaj provizore por 1970.
3. Plibonigo de la reciproka informado. En ĉiuj landaj IFEF-Sekcioj estu respondeculo, kiu havas kontakton kun la gvidanto de la Junulara Sekcio.
4. Preparlaboro por la sekvonta IFEF-Kongreso, ke tie okazu diversaj junularaj aranĝoj. (Kunsido, kunveno kun la neesperantista junulara, sportaj konkursoj, futbala ludo, ktp.)
5. Regula sendado de artikoloj por nia gazeto La Internacia Fervojisto (LIF) kaj por aliaj esperantaj gazetoj (Heroldo, Esperanto, ktp.). En LIF estu aparta „Junulara Paĝo".
6. Aranĝo de ekskursoj inter la diversaj junularaj grupoj.

La laborplanon pridiskutis kaj akceptis la junulara kunveno de la 20-a IFEF-Kongreso, okazinta la 13-an de majo 1968 en urbo Varna (Bulgario).
En la nomo de la Junulara Kunveno: La prezidantaro de la Kunveno Inĝ. S. Simeonov, D-ro Imre Ferenczy, Otto Walder, Bojdar Leonov, Greta Gössl, Denise Hervouet.

## Deziras korespondi

Gimnazianino, 16½ jarojn aĝa deziras korespondi kun lernant(in)o el Parizo. Brigitte Hoffman, Königstr. 23, D 5800 Hagen, Germanio.

Gimnazianino, 15 jarojn aĝa, deziras korespondi kun lernant(in)o el Montloucon (Francio).
Brigitte Spott, Berghofstr. 26, D 5800 Hagen, Germanio.

# Al la ĝisnunaj estraranoj

**(adiaŭaj vortoj de IFEF-prezidanto Giessner en la kongresa fermkunsido)**

Finiĝas nun la 20-a de IFEF-kongreso. La aplaŭdo por la laŭdaj vortoj de prezidanto de Jong, direktita al LKK, pruvis, ke li parolis en la nomo kaj el la koro de ni ĉiuj. Volonte mi alkroĉas al liaj vortoj. Sed krome permesu al mi, ke mi kaptas ĉi tiun momenton, por trovi kelkajn vortojn, kiuj ĵetu iom da lumo sur unu flankon de la 20-jara historio de IFEF, kiu aparte grava devas esti taksata. Ĉi tiu kongreso, kiu nomiĝis jubilea, samtempe estas nepretervidebla cezuro en tiu 20-jara historio. Ĝi signifas, ke finiĝis periodo, dum kiu la landa asocio de Nederlando kontinue donis la sangon por la estraro de nia federacio. Eble neniu plene povas konsideri, kiom da penado kaj streĉado, kiom da persistemo kaj bona volo kaŝiĝas en la konciza konstato: 20 jarojn IFEF — 20 jarojn estraranoj disponigitaj de Nederlando.

Konsiderante tiun fakton, oni devas retropaŝi al la unuaj monatoj post militfino, kiam en Amsterdam renoviĝis rondo de fervoraj kolegoj kun firma volo, restarigi la iaman internacian movadon fervojistan. Jam en la unua provizora estraro tiam elektita ni trovas nomojn, kiuj al ĉiu longjara kongresano estas konataj, la nomojn Stapel, Hoen, Biesheuvel, Lok, Drijfhout, krome Wissink, Muller kaj dum kelka tempo Demmenie. En aŭgusto 1948 fondiĝis IFEF en Amsterdam, kaj la sepkapa internacia estraro prezentiĝis per la samaj nomoj sub prezidanto Stapel kun sekretario Lok. En la dua kongreso (Salzburg) kolego de Jong anstataŭis la redaktoron Muller, kies sanstato estis malbona. Dum la tria kongreso en Parizo mortis Wissink, unu el la asesoroj, kies loko restis vaka, sekve la nombro de estraranoj reduktiĝis je ses. Dum jaroj ĉi tiu estraro gvidis la federacion, ĝis en la 10a kongreso en Aarhus estis trovendaj novaj membroj, ĉar pro emeritiĝo eksiĝis tri estraranoj, nome Stapel, Biesheuvel kaj Drijfhout. Kvankam jam en la sesa kongreso de Verona la sekretario estis aludinta je eventuala neceso iom post iom internaciigi la estraron, oni tamen sukcesis prezenti denove komplete nederlandan estraron. Ek de Rijeka la estraro konsistis el nur 5 personoj. Ili estis prezidanto de Jong, sekretario Lok, kasisto Oosterwijk, redaktoro Hoen kaj Poptie, kiu ekfunkciis kiel dua sekretario. Tri jarojn poste en Barcelona Lok kaj Poptie interŝanĝis siajn funkciojn. Venis la 15a kongreso en Stoke, dum kiu forlasis la estraron du gravaj membroj, nome Lok kaj Hoen, ambaŭ post 15-jara seninterrompa kunlaborado. Necesis do havi du novajn, tamen prezentiĝis nur nova redaktoro, nome kolego Burgler, tiel ke la nova estraro aspektis jene: prezidanto de Jong, sekretario Poptie, kasisto Oosterwijk, redaktoro Burgler, kiu bedaŭrinde baldaŭ mortis antaŭ la 17a kongreso de Hamar. Lia helpopreta edzino tiam provizore transprenis la taskojn de redaktoro, kio estis konfirmita de la kongreso en Utrecht. Intertempe evidentiĝis, ke fariĝis pli kaj pli komplike por la nederlanda asocio, daŭre disponigi el siaj vicoj kompletan internacian estraron. Samtempe la voĉoj plimultiĝis, kiuj pledis por internaciigo de la estraro laŭ la ekzemplo de aliaj internaciaj organizoj esperantistaj kaj neesperantistaj. Venis la unua kolego el alia lando, nome kolego Walder el Svisio, kiu transprenis la novkreitan oficon de vicprezidanto. Tio okazis en la 18a kongreso de Utrecht.

Venis nun la adiaŭa momento de laboro grava, longdaŭra, de laboro, kiu postulis neimageblan sumon da fortoj, nervoj, tempo, kiu postulis dum longaj jaroj streĉadon ofte publike ne rimarkeblan, kiu postulis de ĉ i u j kolegoj, kiuj iam dediĉis sin al tia tasko, daŭrajn kapablon kaj volon je riskoj kaj decidoj. Hodiaŭ ni povas diri, ke la rezulto de tiu laboro post detrua milito kondukis el nenio al internacie estimata kaj agnoskata federacio, kiu ĉi-semajne festis sian 20an kongreson. Estas mia agrabla tasko direkti varman dankon nome de la federacio unue al la anoj de la ĝisnuna estraro, speciale al la ĉeestantaj inter ili, kiuj tiom longtempe kaj ĝis la lasta minuto plenumis siajn taskojn.

al *kolego Oosterwijk,* kiu de 10 jaroj ĉiam korekte kaj senriproĉe administris la financojn de IFEF, certe ne ĉiam ĝojiga afero en federacio konsistanta el tiom da landaj asocioj kaj individuaj membroj,

al *kolego Poptie*, kiu kuraĝis transpreni de la neforgesita sekretario Lok la komplikan heredaĵon de taskokonstruaĵo, pro kiu kuraĝo la federacio ŝuldas al li profundan dankon,

al *kolego de Jong*, kiu de 1950 en ĉiuj IFEF-estraroj kunlaboris kaj dum la pasintaj dek jaroj plenumis la gvidan pozicion en la estraro. Ni kiel fervojistoj tre bone scias, kion signifas la nocio „respondeco". Ĝi estas nocio praktike nek perceptebla nek mezurebla. Ĝi montriĝas en tio, ke malmultaj aŭ eĉ unu homo transprenas ĝin por agi en la senco kaj por la bono de pli malpli granda amaso da homoj, por institucioj, entreprenoj aŭ ligoj. Ni danku al prezidanto de Jong speciale pro tio, ke li dum 10 jaroj transprenis ĉi tiun respondecon. Tio estas plej alte taksinda. Multajn spertojn li kolektis kaj certe ankoraŭ povis doni valorajn konsilojn, kiam la federacio ilin bezonos.

IFEF nur estas malriĉa organizaĵo, kiel kutime ĉe esperantistoj. Pro tio ne estas eble al ni, esprimi nian dankon per finance valoraj donacaĵoj.
Sed por daŭre memorigi la eksiĝantajn kolegojn je ĉi tiu tiom signifoplena horo, la federacio jen donacas al ili librojn, kiujn kun enskribitaj dediĉaj vortoj fariĝu memoraĵoj ĉiamaj.
Jen por la prezidanto — Kalevala; por la sekretario — Normandaj Rakontoj; por la kasisto — Kon Tiki; por la redatorino — Ĉe sanktaj akvoj.
Krome mi transdonas nome de la federacio por ĉiu eksiĝanta estrarano modestan memoraĵon el la lando de la 20a kongreso.
Restas al mi diri, ke kun la danko ni ligas dezirojn por la estonteco.
Ni deziras al la ankoraŭ junaj kolegoj Poptie kaj Oosterwijk, ke ili trovu antaŭ si sukcesplenajn jarojn, kiuj kontentigos ilin kaj iliajn familiojn.
Al prezidanto de Jong ni sincere deziras, ke li travivu ankoraŭ longajn jarojn da agrabla emeritultempo en saneco kaj bonfarto. De ĉiuj ni deziras, ke ili ofte estos videblaj en la IFEF-kongresoj.
Bonvolu senkulpigi min, se tamen ankoraŭ mi tedas vin. Ĉar nepre necesas kompletigi nian dankon al tiuj, kiuj dum 20 jaroj kontribuis al tio, kio estas finfine atingita. La nomojn mi jam menciis. Ĉiuj laboris laŭpove kaj laŭforte. Ni memoru pri la mortintoj, nome Muller, Wissink, la iama prezidanto Stapel, la du redaktoroj Hoen kaj Burgler, kiuj ĉiuj restos ligitaj por ĉiam kun la historio de IFEF. Kaj vi certe konformas kun mi, kiam mi substrekas ĉi tie unu nomon, sen kiu la federacio ne estus tia kia ĝi estas, la iaman sekretarion Lok. Motoro de la federacio li estis nomita siatempe. Ankoraŭ nun tiu ĉiam helpema, preskaŭ 70-jarulo vigle sekvas la evoluon de fervojista movado, kiun li dekomence amis kaj al kiu li donis siajn animajn kaj korpajn fortojn.
Ni fine ne pretervidu, ke la dumjaraj estrarkunsidoj en Amsterdamo grave estis pliagrabligitaj de la edzinoj, kiuj do, hejtante per bona kafo la bonhumoron de la okupitaj edzoj, fakte kontribuis al la funkciado de la gvida instanco.
Sendube mi pravas asertante, ke la estonta estraro ne havos bonŝancojn labori sub tiom agrablaj cirkonstancoj. Tamen ni faros ĉion eblan.
Mi povas certigi al vi, ke la kvin personoj, kiuj ek de nun formas la IFEF-estraron, havas la firman volon laŭforte agadi en celtrafa gvidado.
Nenion ni promesas krom tio, ke ni sincere klopodos kaj donos nian plej bonan. Sed ni estas kvin, la federacio konsistas el 2600. Bonvolu do kompreni, ke ni petas la komitaton, la landajn estrarojn, la gvidantojn de lokaj societoj kaj entute ĉiun unupulon en la vicoj de IFEF, ke li, ke ŝi, ke ili ĉiuj estu konsciaj pri la fakto: Nur komuna streĉado evitos, ke IFEF suferos pro la de ĉiuj fervojaj administracioj praktikata raciigado kaj aŭtomatigado. Neniam fervojoj povos funkcii sen homoj, sed konsiderinde malkreskos la nombro de tiaj homoj. Konsiderinde kreskos la postuloj al tiuj homoj, precipe al la spirito. Sed ja ankaŭ kreskas la libera tempo.
Jen la punkto, kie ni klarigu al niaj gekolegoj, kiom valora estas la okupado pri Esperanto. Persone faru tion, persone konvinku minimume unu homon en ĉiu jaro. Ĉu tro multe postulate? Certe ne. Ĉiu membro varbu por IFEF minimume unu homon po jaro. Tio estu la devizo en ĉiuj landaj asocioj en la venontaj du jaroj, en ĉiuj jarkunvenoj kaj kunsidoj, ĉu sur landa, ĉu sur loka niveloj. Post la jubilea kongreso ek al nova laboro.

Dezirante konsiderindan kreskon al nia federacio, mi diras al vi: „Ĝis revido en Avignon!"

# La 8a I.F.E.S. en Innsbruck

Estis 51 personoj, kiuj sabaton, la 10an de februaro 1968 en la stacidomo de Innsbruck kolektiĝis kaj komune per speciala aŭtobuso daŭrigis la vojaĝon ankoraŭ 20 km: tiam ili atingis „Axamer Lizum" la faman terenon sur kiu antaŭ 4 jaroj okazis lokaj specialaj konkuroj de la Olimpiaj Ludoj. Estis gaja aro, kiu en vintraj vestoj surŝultrigis la skiojn (la proprajn aŭ la ĵus luprenitajn) kaj alstrebis la seĝlifton por ŝvebi ankoraŭ 500 m pli alten, al la loko, kie okazu la 8a IFES (Internacia Fervojista Esperanto Ski-semajno): la naturamiko domo „Birgitzköpfl" sur alteco de 2098 m! Belega sunbrilo ravis la ĵus alvenintajn kaj la impreso de la majesta panoramo estis tiel profunda, ke oni nur hezite volis eniri la domon, ĉar la eterna montaro ŝajnis kvazaŭ trempita en lumbrilon kaj tiu aspekto estis vere grandioza! Sed baldaŭ oni devis eniri, por okupi aŭ ĉambrojn aŭ amasloĝejon kaj por malpezigi la pakaĵon. Horon pli poste ni sidis en la agrabla komuna ejo, kie ĉarmaj aŭstraj knabinoj servis la vespermanĝon. Kio sekvis estis semajno plena da varia programo en tipe esperantista atmosfero kaj harmonio enmeze de impona montarpejzaĝo.

Estis tri grupoj (aĝo 18 - 81 jaroj) kiuj renkontiĝis en tiu nur antaŭ kelkaj jaroj novkonstruita naturamiko domo: neskiveturantoj, komencantoj kaj spertaj skiamatoroj. Bedaŭrinde por la „nurpromenantoj" la tereno estis ĉi-jare malpli konvena, ĉar la vojoj ĉirkaŭ la domo estas tro krutaj kaj pro tio tro danĝeraj. Sed estis je dispono modernaj seĝliftoj, kiuj forportis niajn amikojn trans grandajn distancojn al ankoraŭ pli altaj lokoj kaj vespere hejmenveninte ili entuziasme rakontis pri belegaj rondrigardoj kaj pri vasta panoramo (se la vetero estis favora). La dua grupo ĉiutage grupiĝis ĉirkaŭ Ernesto Hötzendorfer, kiu brunhaŭta kaj sanaspekta per multege da pacienco gvidis la komencantojn. Kompreneble li ne povis eviti, ke ofte ni (ankaŭ mi apartenis al ili) intime konatiĝis kun la „blanka elemento" kaj pasie ĉirkaŭbrakis la karan naturpatrinon, ke ni hejmenportis makulojn verdbluaspaktajn kaj ke kelkaj (ekzemple mi) ankoraŭ hodiaŭ iomete singarde eksidas sur seĝo. Sed kiel multe ni devas danki al li! Li nek perdis la paciencon, nek aŭdigis riproĉan vorton, male li kuraĝigis la timemulojn, instigis la iomete plispertajn, zorgis por la nepra sekureco de siaj gelernantoj kaj eĉ ne forgesis laŭdi, kiam iu esceptokaze atingis la celon sen malhelpaĵo.... Dankon pro ĉio., Ernesto! Kvankam komencanto en la lingvo, li nur klarigis en Esperanto, kaj tion ankaŭ matene, ĉe la ĉiutaga frugimnastiko. Kompreneble li ankaŭ okupiĝis pri la tria grupo, la spertuloj. Tiam la komencantoj ĝojis, ĉar ili rajtis ripozi. Por la bonaj skiantoj la tereno estis speciale taŭga kaj niaj geamikoj vere eluzis tion. Kun estimo ni admiris ilin, kiam ili elegante sin svingis malsupren, for el niaj okuloj al celo, kiu por ni komencantoj neniel estis atingebla. Ofte ili uzis telferon por veni ankoraŭ pli alten kaj tiel plilongigi la ĝuon de la malsuprenglitado.

Regule posttagmeze ĉirkaŭ la 17a horo la aro kolektiĝis en la komuna ejo, kie la bonkora estrino servis varmegan teon kun citrono. Kaj ĉi tie estas konvena loko por dankon diri al la geedza paro, kiu gastigis nin: ĉiam bongustis la manĝojn, kiujn s-ino Schuchter kuiris por ni, en sia bone prizorgita domo ni sentis nin agrablaj kaj se ni havis specialan deziron, s-ro Schuchter volonte ĝin plenumis, se eble.

La vesperoj estis variaj kaj pro tio distraj. La unuajn du tagojn (sabaton kaj dimanĉon) ni ĉefe kantis kaj babilis kaj tiel pli intime konatiĝis kun la kunuloj. Estis tute speciala atmosfero en tiu domo

*Johan Geroldinger prezentas premion al Elisabeth Ritterspach*






*La partoprenantoj*

for de la publika mondo meze en la montaro kaj baldaŭ kreiĝis etoso tute ne priskribebla.
Lundon vespere la programo antaŭvidis lumbildprelegojn. Belegaj diapozitivoj prezentiĝis antaŭ niaj okuloj pri la 7a skisemajno en 1967, pri la IFEF-kongreso en Fulda (ambaŭ de s-ano Geroldinger), pri Sudfrancio kaj Avignon, kie okazos la 21a IFEF-kongreso en 1969 (de s-ano Bernier) kaj fine sekvis de s-ano Bachmeier germanlingve, tradukita de s-ano Geroldinger, ege interesa bildserio pri rangiferkalkulado en la polarcirkla regiono de Finnlando, Svedio kaj Norvegio.
La tagon poste, do mardon, la 13an de februaro, estis „amuza vespero" kaj mi ne povas imagi al mi, ke iu dum tiu vespero ne amuziĝis! Oni serĉis kaj trovis viktimojn por serio da ŝercludoj kaj ĝisoste lacaj pro ridado kaj gajeco ni ja volonte enlitiĝus, se ni estus povintaj: iu ŝercemulo okazigis sian propran „amuzan vesperon" kaj transformis niajn litojn en konglomeraton de tukoj, kusenoj kaj kovriloj! La spektakloj kulminis, kiam subite sed definitive estingiĝis la lumo....
Merkredon posttagmeze ni povis observi grandan naturfenomenon. Pro kvar tro facilanimaj skiveturantoj, kiuj helpe de peltoj sur skioj surgrimpis altan monton, loziĝis lavango, kiu preskaŭ mortpremis unu el ili. Vespere ni profitis denove de vojaĝoj, kiujn s-ro Bachmeier antaŭ jaroj entreprenis al Turkio. Li ne nur per la fotoaparato esploris tiun interesan landon, sed ankaŭ profunde studis ĝiajn multflankan historion kaj kulturepokojn. Preskaŭ kvar horojn daŭris tiu lumbildvespero, sed s-ro Bachmeier per la belegaj bildoj kapablis kateni la intereson de siaj rigardantoj ĝis la lasta diapozitivo. La tradukon alterne prizorgis s-inoj Kruse kaj Ritterspach.
Ĵaŭdon jam posttagmeze oni vidis, ke la partoprenintoj pri io serioze okupiĝas. Skribilojn enmane, sulkojn surfrunte ili cerbumadis pri iu ajn temo, ĉar por la vespero estis „lingva konkuro" indikita. Jen pruviĝis, ke la gepartoprenintoj ne nur ŝatis gaje ludi aŭ skiveturi, sed ke ili ankaŭ estis pretaj kontribui al tiu aranĝo. Konsiderante, ke multaj komencantoj ĉeestis, aŭdiĝis mirinde bonaj kontribuaĵoj antaŭ la juĝkomisiono, kiu konsistis el s-ino Kruse, s-ro Blondeaux kaj kiel asesoro s-ro Geroldinger.
Se iu antaŭ pli ol 15 jaroj esperantistiĝis, ne estas granda merito gajni la unuan premion (kvankam mi ege ĝojis, ke mi rajtis hejmenporti belegan bildlibron pri Tirolo), sed apartan gratulon kaj estimon al la komencantoj, kiuj perlaboris premiojn!

Gajnintaj grupo a) progresintoj: 1. s-ino Elisabeth Ritterspach; 2. s-ro Rubert Bernier.

Gajnintoj grupo b) komencantoj: 1. s-ro Marcel Boutard; 2. f-ino Liliane Boizeau; 3. s-ro Edmond Wurmser.

Venis vendrede kaj kun ĝi grandaj spektakloj: posttagmeze oni okazigis la jam tradiciajn skikonkurojn por komencantoj kaj progresintoj. Bedaŭrinde la vetero je tiu tago estis ekstreme malbona, tiel ke la partoprenintoj devis batali ne nur kontraŭ la sekundoj, sed ankaŭ kontraŭ la nebulo. Des pli korajn gratulojn al la gajnintoj, kiuj sukcesis spite al malfavoraj veterkondiĉoj. Brilaj pokaloj, teleroj, medaloj kaj skiparoj oraj, arĝentaj kaj bronzaj estis transdonitajn al jenaj personoj:

a) viroj kun malpli ol 42 jaraĝoj: 1. s-ro Jean Mevel; 2. s-ro Karl Vormeier; 3. s-ro Karl Populorum; 4. s-ro Horst Erben; 5. s-ro Franz Scharf; 6. s-ro Claude Latin; 7. s-ro Günther Doliwa; 8. s-ro Hubert Bernier.

b) viroj kun pli ol 42 jaraĝoj: 1. s-ro Fritz Ortmeier; 2. s-ro Edmond Wurmser; 3. s-ro Franz Wagner; 4. s-ro Karl Bachmeier; 5. s-ro Jean Rouviere; 6. s-ro Erwin Hebenstreit; 7. s-ro Leopold Kratochvilla; 8. Georges Broutin.

c) -inoj (malplilonga vojo): 1. f-ino Liliane Poussard; 2. s-ino Maria Ortmeier; 3. s-ino Berta Wagner.

d) komencantoj (miksitaj; malplilonga vojo): 1. s-ro René Duhamel; 2. s-ino Simone Latin; 3. s-ro Henri Bordereau; 4. s-ro Gaston Riera; 5. Marcel Boutard. s-ro Blondeaux ricevis kuraĝigan premion.

Bedaŭrinde la plej lerta skiveturantino, Rosa Billmeier, jam ĵaŭdon akcidentis tiel, ke oni devis ŝin veturigi al la akcidenthospitalo en Innsbruck, kie la kuracisto kudris vundon kaj tendenon je piedo. Vespero kun helpo de s-ano Franz Wagner ŝi revenis, brave kunpremante la dentojn.... Sed kiam Jean Mevel, nia kara Johano, akceptis sian oran pokalon, li per varmaj vortoj atentigis pri Rosa Billmeier, kiu laŭ li estas — kiel ŝi pruvis lastjare — la vera ĉampionino! Dankon por via lojaleco, Johano, kaj bonan resaniĝon por vi, Rosa! (Ŝi ricevis kiel memoraĵon belan arĝentan teleron). Vendredon vespere — nia lasta vespero — la programo estis dediĉita al la karnavalo. Neimageble, per kiel malmultaj rimedoj estiĝis fantaziaj kostumoj kaj kiom da gajeco regis ĝis preskaŭ la 2a nokte. Ĉiu kantis, dancis, ridis, kaj neniu pensis pri la baldaŭa disiro. Dankon al la lerta muzikanto, kiu per akordiono kaj laŭtparolilo ŝajnigis tutan orkestron kaj kiu fine tamen sukcesis lacigi nin.
Estis la oka fojo, ke okazis tia skisemajno kaj okfoje ĝin organizis s-ro J. Geroldinger. Per vortoj oni vere ne povas danki tiun grandegan laboron, kiun li ĉiujare libervole faris, por ĝojigi aliajn dum unu semajno en la jaro. Perfekte kaj modele redaktita gvidlibreto jam antaŭ la ekveturo estis en ĉies mano. En ĝi troviĝis ne nur ĝeneralaj sciindaĵoj, sed eĉ horaroj, tarifoj, kantotekstoj kaj ĉio, kion oni devis scii dum tiu semajno.
Senĉese li estis je dispono, donis jen konsilojn, jen medikamenton, ŝercis kun tiu, skiinstruadis jenajn. Li havigis la multnombrajn premiojn — Dio scias, kiel li faris tion — kaj li eĉ ne forgesis dum la tago de Valentino disdoni florojn. Kaj li ne fariĝis laca, kontraŭe, kiel li diris al mi, li jam nun komencis eklabori por la venontaj, la 9a kaj 10a skisemajnoj en 1969!
La leda dokumentujo, kiun la partoprenintoj donacis al li, estu nur tute malgranda rekompenco por la tempo, laboro, sindono kaj financa ŝarĝo, kion li ĉiam dediĉas al la skisemajnoj. Koran, sinceran dankon denove, kaj ĝis la venonta IFES!

Elisabeth Ritterspach

---

## Filatelio en la 41-a SAT-Kongreso

En Utrecht okazos de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto ĉi jare la internacia kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda.
Unu el la eroj de la kongresa tagordo kuŝas sur filatelia tereno. La kongresa komitato eldonos 2 specialajn kovertojn kaj la nederlanda PTT stampos tiujn per speciala stampo, dum la kongreso.
3 Semajnojn antaŭ la kongreso kaj dum la kongreso la PTT en Utrecht stampos la normalan poŝtaĵon kun la flagstampo „Esperanto de taal voor internationale betrekkingen" en Esperanto „Esperanto la lingvo por internaciaj rilatoj".
La prezo de la 2 kovertoj, komplete prizorgitaj estas 2 internaciaj respondkuponoj. Mendojn al D. Goslinga, Spaaklaan 19, Utrecht, Nederlando. Ĝirkonto 53.77.31. Per ĝiro estas la prezo f 1.—.

# Fervoja tunelo sub la Manika Markolo

*Plano, pri kiu oni parolis pli ol jarcento, fine estos efektivigata. Britio kaj Francio interkonsentis pri la konstruado de fervoja tunelo inter ambaŭ landoj.*

En la jaro 1856 la franca inĝeniero „de Gamond" disvolvis planon por konstruado de fervoja tunelo inter Francio kaj Britio.
La ideo forte impresis imperiestron Napoleono la III-a, kiu aludis ĝin okaze de oficiala vizito de la brita reĝino Victoria al Francio.
La momento estis favora, ĉar la reĝino ĵus spertis tre malagrablan marvojaĝon. „Mi benos vian inĝenieron en la nomo de ĉiuj britaj sinjorinoj, se lia plano havis sukceson", ŝi diris.
Studokomisionoj aktivis, sed kiam oni komencis la unuajn provborojn, la Britoj timis ke ilia insulo estos infektata per netolereblaj ideoj, kaj la militistoj havis inkubajn sonĝojn pri invadoj en sian landon.
Tiel la afero forŝoviĝis for de la programo.
Sed en la daŭro de pli ol jarcento la ideoj povas multe ŝanĝiĝi, kaj ambaŭ partioj fine venis al la konkludo ke la konstruo de fervoja tunelo inter iliaj landoj devos esti efektivigata.
Definitive nuliĝis antaŭa plano por konstrui ponton, sed ankoraŭ oni dubas inter la alternativo, ĉu bori tunelon aŭ apliki gigantan tubon, lokitan sur la fundo de la maro.
Koncernaj esploroj okazas jam de aŭgusto 1966.
La rezultato de tiu esplorado pri la profilo de la marfundo kaj pri la konsisto de la subakva grundo donis respondon al tiu demando.
La finpretigo de la tunelo postulos proksimume 6 jarojn.
La uzotaj vagonoj estos adaptitaj por la transportado de aŭtomobiloj. Oni taksas ke krom la normala trajncirkulado por la transporto, la tunelon devos trairi, ĉiujn kvin minutojn, kroma vagonaro por la transporto de aŭtomobiloj.
La tunelo devos havi kapaciton por la transportado de 3000 aŭtomobiloj en ambaŭ direktoj.
La interligo situos inter la stacioj Sangatte apud Calais kaj Wertenhanger apud Folkestone, en distanco de 70 kilometroj.
Pri la kosto oni povas malmulte diri. En la jaro 1962 oni taksis ĝin je 1600 milionoj da guldenoj, sed la nun bezonata sumo certe estos kelkoble pli alta.
Interese estas ke la unua provtunelo, borita antaŭ 80 jaroj ĉe la brita flanko, ĝis nun bone konserviĝis.

El „Steeds Voorwaarts"
kompilis de J.



# Migranta Esperanto ekspozicio

La migranta Esperanto-ekspozicio en Aŭstrio estis solene inaŭgurata la 22-an de marto 1968 en la fervoja stacidomo Wien-Sud. Ĉeestis i.a. la personara direktoro de aŭstr. fervojaro kort.kons. D-ro Kaiser, kiu ĝin inaŭguris, kort.kons. d-ro Walther Sandig, prezidanto de ferv. direkcio Wien, ferv.sindikatestro Franz Lehner, staciestro reg.kons. Inĝ. Huber kaj kelkaj esperantistoj el Knittefeld, Ternitz, Linz k.t.p.

Le fervoja muzikorkestro ludis. Alparolis la multnombrajn ĉeestintojn inĝ. Walter Huber kiel prezidanto de la Aŭstra Federacio Esperantista Fervojista kaj ĉef-organizanto de ekspo, plue parolis: kort.kons. Hugo Steiner (IEMW), Dr. Grimme, prezidanto de AEF (Aŭstr. Esp. Federacio), s-ro Franz Lehner (Obm. d. ĈBB Pers. Vertr. Zentralausschusses), kaj kort.kons. Dr. Kaiser.



*Inĝeniero Walter Huber parolas*

## INSTIGO

En sia raporto pri la 20-a IFEF-kongreso en Varna, aperinta en la maja/junia numero de „Fervojisto" (Nederlando) kolego Labordus skribas:

....ĉe la fino de la laborkunsido kgo. de Jong transdonis la martelon al la nova prezidanto, kgo Giessner kaj prezentis la novan IFEF-estraron al la membroj.
La malnova estraro ricevis librojn kaj kelkajn aliajn donacojn.
Dankvortojn oni diris pro la farita laboro, sed mi dankas ilin de ĉi tiu loko por io, kion ili **ne** faris.
Kvankam preskaŭ ĉiuj estis SAT-anoj kaj anoj de la Laboristaj Esperantistoj ili neniam altrudis al ni la anecon de SAT, nek de la Laboristaj Esperantistoj unuiĝoj.
Neniam ili klopodis imiti aŭ transpreni la laborplanojn de ĉi tiuj organizoj.
Mi nur povas esperi, ke la nova estraro sammaniere agos.

## Esperanto-skisemajnoj 1969

La 9a kaj 10a internaciaj fervojistaj esperanto-skisemajnoj (IFES) okazos inter la 15/II kaj 22/II resp. 22/II kaj 1/III 1969 en la montara regiono de Werfenweng apud Bischofshofen (inter Salzburg kaj Zell am See).

La varia programo (skiado, skikonkuroj, prelegoj, lumbildoj kaj filmoj, lingva konkuro, ŝercado ktp.) allogis ĉiujare la gesamideanojn en aĝo de 16 ĝis 81 jaroj el diversaj landoj.
Ĉiu esperantisto rajtas partopreni la aranĝon; precipe la venontjara aranĝo fariĝos ege rekomendinda, jam pro la favora prezo, kaj eble ĝi okazos por la lasta fojo en Aŭstrio.

Informoj kaj aliĝiloj (laŭeble kontraŭ respondkupono) ĉe la organizanto: s-ano Johann Geroldinger, Marcusgang 7, A-4020 Linz.